raj vortoj (ne ĉiam precize komprenataj), sed ankaŭ sur, mi dirus, tuŝeblaj argumentoj.

La plej ĝusta kaj plena priskribo de maŝino povas nin konvinki, ke ĉi tiu mekanikaĵo estas ebla kaj taŭga: ni konstruigas ĝin kaj domaĝe ni konstatos, ke malgraŭ ĉiuj antaŭaj plenaj studoj kaj detalaj kalkuloj, nia maŝino ne funkcias. Didaktika novaĵo estas ofte komplikita, delikata maŝino, kies tasko postulas ne nur teoriajn, sed ankaŭ praktikajn provojn.

Ĉe ĉiu tri- aŭ kvardektaga kurso oni povus sin ekzerci pri du branĉoj de lerneja manlaboro, kaj ĉe la unua kurso (en la aŭgusta kaj septembra monatoj 1909) oni povus elekti plastikon kaj kartonlaboradon.

Facile estus aranĝi programon taŭgan, ĝenerale, al tutmonda elementara instruado: dependus poste de la kriterio de ĉiu kolego aliformigi la lernitan programon, plue perfektigi la akiritan lertecon, ĉion alfarante laŭ la karaktero, la bezonoj, la emoj, la tradicioj de sia lando.

En la dua kurso (aŭgusto-septembro 1910) oni aldonus al ambaŭ la diritaj, du aliajn branĉojn de ekzercado kaj studado; en la tria (1911) ankaŭ aliajn du (eble la lastajn, por ne igi tro ampleksa tro eklektika la kurson), sed en ĉiu kurso la ĉeestantoj ne povus lerni pli ol du branĉojn, kiujn ili elektus. Post tri jaroj oni estus fininta la tutan kursaron, sed la kursoj stariĝus ĉiujare.

La studado de desegno akompanus ĉiam ĉiun branĉon de ekzercoj, sed desegno devus havi celon senpere, precipe utilan al manlaboro, ne abstraktan kaj teorian.

Ĉiuj instruistoj kaj ĉiuj lernantoj devus doni al la kurso kunhelpon, ne nur esprimante kaj diskutante ĉe ĝi siajn ideojn pri manlaboro, ideojn kiuj estus frukto de ilia sperto kaj studado, sed ankaŭ kunportante al ĝi la plej taŭgajn modelojn, ĉu realajn, ĉu desegnitajn. Tiel agante ili amasus ĉe l' esperanta ĉiujara kurso de manlaboro tre gravan kaj multvaloran aron da lerneja materialo, kiu ĉiujare pligrandiĝus kaj pliboniĝus: elektante el ĝi la plej taŭgajn objektojn kaj desegnaĵojn, poste ilin, laŭ didaktika kriterio aranĝante, tiamaniere, ke ili estigu tutaĵon organecan, harmonian, gradigitan, oni baldaŭ estigus bonegan kolekton de manlaboraj imitindaĵoj.

Tiamaniere la kurso, iom post iom, fariĝus vera modelo de manlabora lernejo, kaj la diplomoj de ĝi liveritaj havus ĉiam pli nediskuteblan gravecon, ĉar ĉi tiu graveco devenus ne nur de registaraj dekretoj aŭ leĝoj, sed ankaŭ de la intima valoro de l' afero.

Kaj pri tio, kio rilatas la aprobon de l' registaroj, la afero temus nur pri tempo.

Ĉi tiu propono estas adresata al la gesamideanoj instruistoj, kiuj ŝatas manlaboron ĉu kiel korpan kaj spiritan edukadon, ĉu kiel didaktikan helpon, ĉu kiel praktikan preparadon por la vivo, kaj eĉ por la precipaj metioj, ĉu, fine, kiel korektaĵon kontraŭ la lerneja trosideco, kaj kiel rimedon por igi malpli unutonan, pli ŝanĝan kaj gajan, pli ŝajnan je la familia la vivadon enlernejan. Peni por pruvi al ili, jam konvinkitaj pri la merito de manlaboro, la utilecon de l' proponata institucio, estus do superflue, kiel, parolante al esperantistoj, same superflue estus klopodi por plue pruvi ĝian utilecon kiel ĉiujara amikejo de geinstruistoj.

NB. — Ni petas ĉiujn gekolegojn, kiuj ame sin interesas pri ĉi tiu praktika kaj simpatia branĉo de l' elementara instruado, skribi al ni siajn opiniojn kaj proponojn: pli facile estas konkreti plenan projekton, kiam la kompetentuloj je la traktata afero esprimis siajn ideojn pri la projekto mem.

*La redakcio.*

## Internacia krestomatio por la infanoj.

En nia literaturo ĝis nun mankas legolibro aranĝita speciale por la infanoj. Kiam en la estonteco la infanoj lernos nian lingvon en la lernejoj, ili ĉerpos el la unuaj legaĵoj la internan spiriton de la internacia lingvo. Tiu ĉi interna spirito de Esperanto kunfandiĝos el la specialaj spiritoj de la naciaj lingvoj, kiuj enverŝos siajn trezorojn en la internacian lingvon. La speciala karaktero de iu ajn lingvo montriĝas precipe en la popola literaturo; tial mi petis la diverslandajn esperantistojn per anoncoj en kelkaj gazetoj sendi al mi popolajn fabelojn, fablojn, enigmojn, proverbojn, rakontetojn. Mi ricevis jam sufiĉe da materialo kaj aldononte miajn proprajn tradukojn el la rusa kaj germana lingvoj, mi povos verŝajne dum la jaro 1909 eldoni la delonge bezonatan libron. Sed por la diverseco de la stiloj karakterizaj por diversaj nacioj mi dezirus ricevi ankoraŭ tradukojn de popola literaturo (fabeloj, fabloj, enigmoj k. t. p.) el la sekvantaj lingvoj: dana, norvega, sveda, finna, japana (tre dezirinda!), holanda, hispana, portugala, itala, rumana, turka, araba, persa, bulgara, serba, kroata, slovena, skota, irlanda, pola ktp., el kiuj mi ricevis preskaŭ nenion; ankaŭ el la angla lingvo mi ricevis malmulte; ĉiuj lingvoj de malgrandaj nacioj estas tre dezirindaj.

Mi petas sendi ĉion laŭ la adreso: *Romano Frenkel,* inspektoro de gimnazio, Enisejsk, Rusujo, Siberio — ĝis la monato sep-

tembro 1909; kio alvenos post tiu ĉi dato, aperos en la aldono al la krestomatio; tial oni ne timu malfrui kun la sendado, ĉar mi daŭrigos la kolektadon de materialo ankoraŭ dum kelkaj jaroj.*

Por ĉio sendota mian antaŭan koran dankon.

Kun samideana saluto

*Romano Frenkel,*
inspektoro de la knaba gimnazio en Enisejsk, Rusujo, Siberio, kaj viceprezidanto de »*Internacia Asocio de Instruistoj*.«

## La statistika paĝo.

**Elementara lernejaro en Aŭstrio.** Elspezoj de aŭstriaj landoj (provincoj) por lernejoj elementaraj faras 40% de landaj elspezoj, t. e. 121,057.854 K, el kiuj 107 milionoj estas salajroj por 69.555 geinstruistoj.

Pli klare montras la statistikon de elspezoj por lernejoj kaj salajroj de instruistaro tiu ĉi tabeleto.

| Lando | Instruistoj | Salajro K | Cifero mezonombra K | 1 instruisto por loĝantoj | Elspezo por 1 loĝanto |
|---|---|---|---|---|---|
| Bohemujo | 23.510 | 46,445.344 | 1.995 | 278 | 7·12 |
| Moravio | 8.951 | 16,240.883 | 1.880 | 286 | 6·45 |
| Silezio | 1.559 | 3,288.479 | 2.059 | 462 | 3·57 |
| Aŭstrio Malsupra | 10.695 | 9,002.256 | 1.833 | 295 | 6·03 |
| Aŭstrio Supra | 1.997 | 2,702.120 | 1.337 | 414 | 3·27 |
| Salcburgio | 654 | 899.203 | 1.036 | 310 | 4·41 |
| Stirio | 3.136 | 5,467.985 | 1.678 | 445 | 3·84 |
| Karintio | 1.056 | 1,406.166 | 1.090 | 953 | 3·78 |
| Karniolio | 753 | 1,090.908 | 1.448 | 683 | 2·12 |
| Triesto | 348 | 806.797 | 2.032 | 548 | 4·23 |
| Istrio | 434 | 588.390 | 1.325 | 831 | 1·83 |
| Goricio | 489 | 619.640 | 1.478 | 493 | 2·57 |
| Tirolio | 2.579 | 1,916.997 | 719 | 342 | 2·18 |
| Vorarlbergio | 442 | 490.821 | 1.174 | 309 | 3·60 |
| Galicio | 11.903 | 12,232.035 | 988 | 644 | 1·60 |
| Bukovino | 1.324 | 2,081.990 | 1.572 | 578 | 2·72 |
| Dalmacio | 710 | 836.066 | 1.151 | 863 | 1·36 |

Oni vidas, ke en Aŭstrio plej multe dediĉas por la lernejo la provincoj Bohemujo kaj Moravio. *Krlc.*

**Mezaj lernejoj en Eŭropo.** *Norvegujo* havas 86 mezlernejojn (1 por 26.000 loĝ.). — *Svisujo* 120 (1 por 27.000 loĝ.). — *Italujo* 810 (1 por 40.000 loĝ.). – *Belgujo* 167 (1 por 41.300 loĝ.). — *Hispanujo* 417 (1 por 43.700 loĝ.). – *Francujo* 880 (1 por 44.600 loĝ.). – *Svedujo* 111 (1 por 45.500 loĝ.). — *Nederlando*

* La esperantistaj gazetoj estas treege petataj transpresi mian alvokon.

110 (1 por 46.400 loĝ.). — *Germanujo* 1120 (1 por 54.100 loĝ.). — *Grekujo* 40 (1 por 60.800 loĝ.). — *Aŭstrio-Hungario* 740 (1 por 63.700 loĝ.). — *Rumanujo* 75 (1 por 80.000 loĝ.). — *Portugalujo* 47 (1 por 115.000 loĝ.). — *Rusujo* 1100 (1 por 120 000 loĝ.). — *Serbujo* 10 (1 por 141.000 loĝ.). — *Bulgarujo* 25 (1 por 161.000 loĝ.).

*Ks.*

**Universitatoj en Eŭropo.** *Granda Britujo* havas 14 universitatojn (1 por 410.000 loĝ.). — *Svisujo* 7 (1 por 475.000 loĝ.). — *Francujo* 5 (kun 75 fakultatoj, 1 fakultato por 520.000 loĝ.). — *Portugalujo* 5 fakult. (1 por 680.000 loĝ.). — *Svedujo* 2 univ. (1 por 1,030.000 loĝ.). — *Nederlando* 4 (1 por 1,290.000 loĝ.). — *Italujo* 21 (1 por 1,550.000 loĝ.). — *Hispanujo* 9 (1 por 1,660.000 loĝ.). — *Belgujo* kun 1,720.000 loĝ. havas nur 1 univ., simile *Norvegujo* (por 2,240.000 loĝ.). — *Grekujo* 1 (por 2,434.000 loĝ.). — *Danujo* 1 (por 2,605.000 loĝ.). — *Rumanujo* 1 (por 2,950.000 loĝ.). *Bulgarujo* 1 (por 3,750.000 loĝ.). — *Germanujo* havas 22 univ. (1 por 2,750.000 loĝ.). — *Aŭstrio-Hungario* 11 univ. (1 por 4,820.000 loĝ.) kaj *Rusujo* 10 univ. (1 por 11,100.000 loĝ.).

*Ks.*

## Notoj kaj informoj.

### Heřman Alferi,

membro de I. A. I. kaj ĉefa kunlaboranto de I. P. R.

La morto elŝiris el nia juna I. A. I. unu el la plej fervoraj kaj plej agemaj membroj. Por ni, kiuj delonge havis okazon vidi la senĉesan laboradon de nia nelacigebla kolego kaj amiko, estis nekredebla la sciigo, kiu anoncis al ni, ke li mortis la 6-an de aprilo 1909 post nelonga malsanado, estante nur 38-jara . . . . . Estas malfacile prezenti al si homon pli energie kaj pli entuziasme propagandantan ĉiujn ideojn, kiuj rilatas la progreson de la homaro, ol estis Alferi. En lastaj jaroj li dediĉis ĉiujn siajn fortojn al 3 grandaj ideoj: pacifismo, esperantismo kaj libera penso. En tiu senco li verkis ankaŭ sian libron „Mezinárodní výchova a vyučování“ (Internacia edukado kaj instruado) kaj grandegan amason da artikoloj en diversaj gazetoj ĉeĥaj. En la tempo plej lasta li laboris tre energie pri la projekto kiel kunigi por la komuna laborado la du gravajn instituciojn instruistajn, ambaŭ kun la karaktero internacia: *„Bureau International de Federations d' Instituteurs“* kaj *„Internacia Asocio de Instruistoj“*. (Nia venonta kajero alportos lian artikolon pri ĉi tiu temo). — Alferi estis ankaŭ la projektanto de komuna kongreso de ĉeĥaj partianoj de Esperanto, pacifismo kaj libera penso, kies efektiviĝon li, bedaŭrinde, jam ne ĝisvivis. Bonan memoron al vi, nia kara kolego!

*La red.*

**Propono pri la plibonigo de edukado** en instruistaj seminarioj en Bulgarujo. La bulgara registaro eldonas gazeton „Uĉiliŝten Prĕgled“. Unu el ĝiaj Nroj alportis rimarkindan artikolon

de la redaktoro S. Velev: „Miŝljenje za reformiranje na pedagogiĉeskite uĉiliŝta“ (Pensoj pri la reformo de pedagogiaj seminarioj), en kiu oni interalie postulas: instruistoj akiru la ĝeneralan edukon en la reala gimnazio aŭ pli alta reallernejo; por la speciala eduko de instruistoj estu fonditaj pedagogiaj akademioj; en la pedagogian akademion estu akceptataj nur tiuj, kiuj finis studadon en la reala gimnazio aŭ pli alta reallernejo, gimnazianoj ne estu akceptataj; instrufakoj en la pedagogia akademio estu: historio de filozofio, enkonduko al filozofio, politika ekonomio, filozofio de juro, gepatra lingvo, unu moderna lingvo kaj specialaj pedagogiaj sciencoj. Se la akademio estos en la urbo kun universitato, la akademianoj vizitu la universitatan instruadon senpage. Pedagogiaj akademioj estu apartigitaj de institutoj mezaj kaj pli altaj, por ke oni evitu la malfacilaĵojn, kiuj sekvas la troplenigon de lernejo. Por la ofico de instruisto ne estu akceptataj malbonaj oratoroj. Por ke oni veku intereson por la ofico de instruisto en la lernantoj de mezlernejoj, oni instruu en tiuj lernejoj ankaŭ pri la ĝenerala pedagogio. Por distriktaj inspektoroj estu aranĝita aparta kurso.

*Th.*

**Imbecilaj infanoj en Usono.** La ŝtato Massachusetts havas lernejon por la infanoj imbecilaj* en Waltham kaj kolonion en Templeton. En la kolonion venas lernantoj, kiuj absolvis la lernejon en Waltham, por labori praktike sur vasta kamparo (3 kvadrataj mejloj!). La lernanto estas daŭre okupata en la kolonio, kiu havas ĝis 600 zorgatoj. La ŝtata instituto en Syracuse (N. Y.) estas aranĝita por 500 zorgatoj; al ĝi apartenas la bieno por precipaj malfortuloj kaj aziloj vira en Rome kaj virina en Newark. La propra lernejo konsistas el du gradoj: prepara kaj prova. La plej bona estas la instituto „Elwyn“ en Delavare C (Pensilvanio). Ĝi havas ordinare ĝis 1000 lernantojn, el kiuj por 600 pagas la ŝtato. Tie ĉi estas 3 grupoj: la 1-a egalas al 3 jaroj de lernejo elementara kaj ĝi estas difinita por relative la plej kapablaj infanoj, la 2-a grupo enhavas objektan instruadon, kiu estas kunigita kun laboroj en la ĝardeno, laborejo kaj mastrumejo, la 3-a grupo de la plej malmulte kapablaj infanoj lernas en labora klaso nur profitodonajn laborojn. La instituto havas ankaŭ la preparan klason. Ĉiuj infanoj estas instruataj en „object room“, kiu estas preskaŭ muzeo natur-scienca kaj teknologia; al ĝi aliĝas ĝardeno kun laborkampoj. Dum la instruado estas uzata precipe la metodo de Tadd, kiu donas bonan sukceson. La plej juna estas la ŝtata instituto en Polk (Venango Cy) en okcidenta Pensilvanio. Ĝi estas aranĝita ĝis por 800 infanoj, por kiuj estas konstruitaj 50 pavilonoj.

*Promyk.*

**Japana societo** por la studado de infano havis en la pasinta jaro sian unuan kongreson kun multaj partoprenantoj kaj sub la prezido de Dro Motora, prof. de psikologio ĉe la universitato en Tokio. La detala raporto pri la kongreso, verkita de Dro Fudĵikava, estas publikigita en la gazeto „Zeitschrift für Kinderforschung“ (j. XIV, pĝ. 53). Por niaj legantoj ni citas nur tion ĉi: En Japanujo estis fondita antaŭ 20 jaroj la „Societo por la studado de in-

* *Imbecila* = fr. *imbécile*, it. *imbecille*, lat. *animi imbecilli*, angl. *weak-minded*, *idiotic*, germ. *schwachsinnig*, boh. *slabomyslný*.

fano" (Kyo-iku-ken-kyu-ŝo), kiu nun havas ĉirkaŭ 1000 membrojn ne nur el la regiono de specialistoj, sed estas inter ili ankaŭ kuracistoj, juristoj ktp. La societo eldonas, kiel estis konstatebla, de la j. 1897—8 propran organon (ĉiumonatan) „Dĵi do Kenkyn", kiu estas dediĉita al esplorado pri la infano, precipe en la direkto de pedagogia patologio kaj terapio. Tiu ĉi organo estas redaktata, kun helpo de multaj kunlaborantoj, de prof. Dro Motora, prof. Dro Takaŝima kaj kuracisto Dro Fudĵikava.

*P. R.*

## Nia »telefono«.

Estimata Redaktoro!

Multfoje oni diris kaj skribis, ke nur tiam nia lingvo pli rapide kaj pli intense povos progresi, kiam ĝi estos enirinta en la lernejon. Sed por povi enkonduki ĝin en la lernejojn, oni necese devas havi instruistojn, kiuj scias la lingvon. Bedaŭrinde ŝajnas, ke ĝuste inter la geinstruistoj nia lingvo plej malmulte disvastiĝas.

Kial? Mi ankoraŭ ne scias, sed estas fakto. Kelkefoje oni povas legi en gazetoj esperantistaj, ke tie ĉi aŭ tie la instruado de Esperanto estas akceptita en iu ajn instituto, sed mankas al ni ĝenerala supervido, tiel ke oni ne certe scias, ĉu vere Esperanto multe progresis en tiu direkto.

Por propagandi nian lingvon inter la geinstruistoj, estas necese, ke ni ĉion sciu, kio rilatas la instruistan teritorion. Precipe ni devas scii, ĉu jam multe da geinstruistoj aliĝis al nia unuiĝo, kaj en kiuj landoj kaj en kiom da lernejoj nia lingvo jam estas enkondukita. Kiam la instruistoj diverslandaj, kiuj instruas nian lingvon en la lernejo, bonvolus iom detale sciigi al vi, la rezultaton de ilia instruo, la nombron de la lernantoj kaj la metodon uzitan, tiam ni havus faktojn, kiuj klinigus al nia afero la neesperantajn instruistojn. Nur pri tiaj faktoj ili interesiĝas.

La geinstruistoj formas tre ŝatindan armeon, konsistantan plejparte el junaj geviroj, kaj ĉiujare nova aro aliĝas al tiu armeo. Jam tial estas devego de ĉiu esperantisto, kiu havas rilatojn kun la instruistoj, peni gajni por nia afero tiujn gejunulojn, kiuj estas edukataj por la grava instruista ofico. Ĉar kiu havas pli multe da influo je la infanoj ol la geinstruistoj? La impresema naturo de la infano facile malfermas sin por la instruisto aŭ instruistino.

Ĝi nepre konfidas sin al ili, kredas, plejparte senkondiĉe, iliajn asertojn.

Kiam idealista instruisto transverŝis iom de sia idealismo en la akcepteman animon de la lernanto, ĝi baldaŭ nepre ardas por la nova ideo.

„Donu al mi la infanojn kaj mi havos la tutan mondon" estas ĉie honata diraĵo. Esperantistoj pripensu la signifon de tiu ŝajne simpla sentenco. La nuna infano dekjara estas la viro aŭ virino de post dek jaroj. Se vi hodiaŭ povus enkonduki Esperanton en la lernejojn ĉiulandajn, post dek jaroj la tuta mondo estus venkita. Tial ni devas konvinki la instruistaron, ke Esperanto

ne nur alportas centopecan utilon por ĉiuj penseblaj aferoj, sed precipe estas utila por ĉio, kio rilatas ilian propran oficon. Ilia horizonto per ĝi treege disvatiĝos per la facile akirebla scio de ĉiuj mondpartoj; kaj iam tre certege la laciga studo de la naciaj lingvoj estos limigita kaj parte estos anstataŭita de la studo de tiel facila Esperanto. Utila ĝi fine estas por la elturmentitaj infanoj, kiuj jam devas lerni malfacilan fremdan lingvon antaŭ ol scii la plej necesan konon de la gepatra lingvo, dum grandega procento de tiuj plendindaj estaĵoj neniam estos kapablaj bone uzi la akiritan scion, pro la simpla kaŭzo, ke ili ĝin ne sufiĉe funde ellernis. Geinstruistoj, aliĝu al nia juna, sed grava kuniĝo; ĝi estas necese por atingi la celon. La tuta esperantistaro devas esti konvinkita, ke vi, geinstruistoj, havas la potencon aliigi la tutan situacion, ke vi per via influo je la infanmondo estas gepotenculoj, kiuj faras esperantistojn el la idoj de la plej skeptikaj homoj, kiuj certe estos konvinkataj de iliaj propraj infanoj pri la utilo de nia afero.

Geesperantistoj, verbu la geinstruistojn, kaj ni venkos la mondon. Kolektu kiel eble plej multe da faktoj, per kiuj ni povas pruvi, ke la lernejo jam estas grava parto de la batalkampo.

Faktojn ni bezonas, faktojn kaj ree faktojn. Faktoj neniam estas refuteblaj. Kontraŭ faktoj oni ne povas disputi, antaŭ faktoj la plej obstinaj skeptikuloj devas cedi.

Ni ilin kolektu. Kaj certe nia fervora kunfrato Čejka volos fari el ili la plej bonan propagandilon enmetante ilin en la Revuon.

Tiel la Revuo fariĝos por ni batalilejo, el kiu ni ĉiutempe povos preni batalilojn, kaj kiam kelkaj el ili fariĝos malakraj, rustitaj, kurbigitaj aŭ mankhavaj, ĉiam novajn ni trovos en ĝi, ĉar dum la batalado ili fariĝos, ĉiam pli akraj, ĉiam pli perfektaj.

Nu, samideanoj, obstine antaŭen al la venko!

Prof. *M. J. Wessel*, Rotterdam (Nederlando).

## Esperanto en la lernejo.*

Oni scias, ke Lille estas fokuso de propagando, sed oni ne scias, kiel tio fariĝis.

Antaŭ kvin jaroj, kvazaŭ okaze, mi sendis al mia inspektoro, s-o Minet, noton pri la taŭgeco de Esperanto por konigi ĉefverkojn. La noto estis apogita per fakto: dank' al Esperanto pola kolego ĵus malkovris „La Fontaine!“ . . .

Surprizo! Sekvantan monaton mi trovis mian raporteton en „Le Nord Pédagogique“. Fide mi daŭrigis informi la estron; fidele li publikigis la informojn.

Dume, mi senbrue instruis Esperanton al miaj knaboj per eksterklasa kurso.

Iam venis inspektoro. Pro kutimo lernantoj ellasis esperantajn vortetojn. Tio plaĉis al la vizitanto. Li gratulis la edukatojn, pravigis la edukiston kaj favore raportis al akademia inspektoro.

* El marta (1909) kajero de la gazeto »*Franca Esperantisto*«.

Dum la jaro 1906 laŭ peto de s-o Minet mi publikigis priesperantan kurson en „Le Nord Pédagogique“. La kurso rekomenciĝas ĉiujare. Ankaŭ kaj ankoraŭ daŭras artikoloj, en kiuj mi ofte insistas pri la pedagogia valoro de Esperanto.

Iom post iom fariĝis pli plena kaj praktika mia instruado. Baldaŭ mi sendis al mia realigema inspektoro eksterlandajn poŝtkartojn ricevitajn de miaj lernantoj. Fine li pensis: kio estas farata ĉe la lernejo „Montesquieu“, tio estas farebla en mia tuta distrikto.

Dum marto 1907, post konsento kun sia estro, s-o Minet sciigis al sia personaro, ke post aŭgust-septembra libertempo oni devige instruos Esperanton ĉe la superaj kursoj de la elementaraj lernejoj kaj ankaŭ ĉe la komercaj sekcioj de la supralernejoj. Ĉiu aranĝis sian tempuzadon por doni ĉiusemajne du tridekminutajn lecionojn, kaj de l' monato oktobro 1907 ĉirkaŭ 1200 gelernantoj konstante lernas Esperanton en niaj lernejoj.

Por sin prepari al la nova instruado, geinstruistoj laŭvole — de aprilo ĝis julio — sekvis specialan kurson.

Por kroni tiun organizadon, oni starigis ĉiujaran ekzamenon kun diplomo. Unua ekzameno okazis dum julio 1908. Kvarcent geknaboj plenumis la provojn (temon, tradukon, legadon klarigatan). Tricent-tridek-naŭ ricevis diplomon solene disdonitan kun la premioj.

Vi scias, kiom babilema estas la gazetaro esperanta. La Lille'a organizado rapide diskoniĝis. El multaj landoj mi ricevis kaj ankoraŭ ricevas detalpetojn, ĉiam kompleze respondatajn.

Jen estas kiel Lille fariĝis fokuso.

Mi rakontas tion ne por fieriĝi, ĉar mi estas pli ŝancema ol lerta, sed por instigi kolegaron kaj estraron. Modesta instruisto povas nur provi kaj pruvi; aliaj decidos. Mi provis. La semo falis sur bonan teron. Ne semante, kiel koni teron? Kiel plibonigi, se oni ne uzas kulturadon?

Ni ŝajnas senpovaj. Tamen nia rolo estas potenca: amigi sube, ŝatigi supre. Do ni, instruistoj, komencu! Ni montru per faktoj, ke Esperanto estas ilo de pedagogia kaj sociala progreso. Respondaj estroj senpruvaj ŝanceliĝas, atendas kaj ne decidas.

Konstante mi raportos tie ĉi pri tutmonda lerneja agado. Sed ne timu, mi plu ne donos konsilojn.

*F. Durieux*,
direktoro de la »Montesquieu«-lernejo,
71, rue de Bouvines, Lille (Francujo).

**Esperanto en aŭstriaj lernejoj.** Moravio, la patrujo de la tutmonde konata pedagogo J. A. Comenius, donas bonan ekzemplon al pli altaj lernejoj: gimnazioj, reallernejoj, komercaj lernejoj ktp. — La plej alta ofico lerneja en nia lando permesis oficiale aranĝi 2 esperantajn kursojn por lernantoj de la ĉeĥaj gimnazio kaj reallernejo en la urbo Kroměříž (Kremsier) kaj simile ankaŭ specialan kurson por lernantoj de ĉeĥaj gimnazio kaj reallernejo en Mor. Ostrava (Mähr. Ostrau), en kiu kurso partoprenas kun la permeso de siaj estroj ankaŭ lernantoj de komerca lernejo el Mar. Hory (Marienberg) kaj lernantoj de instruista seminario el Pol. Ostrava (Pol. Ostrau). En ĉiuj suprenomitaj kursoj instruas nia bone konata instruanto de Esperanto kaj kolego J. Krumpholc. — En Wien estis aranĝitaj 2 gravaj kursoj (ankaŭ kun la permeso

de altaj oficoj lernejaj): en la germana „Neue Wiener Handels-Akademie“ (instruis la komitatano de I. A. I. prof. Otto Simon) kaj en la regna „Export-Akademie“ (instruis s-o F. Schonka).

*Th. Čejka.*

**Por la propagando kaj statistiko.** La redakcio de I. P. R. bezonas sciiĝi plej baldaŭ: en kiuj lernejoj kaj edukejoj oni instruas Esperanton al lernantoj. Ju pli multaj kaj fruaj estos la sciigoj pri tiu ĉi afero, des pli bone por la propagando. Oni sciigadu nin pri tio ĉi regule ankaŭ estonte — do konstante pri novaj kaj novaj sukcesoj de Esperanto!

## El la letero.

. . . Mi pensas, ke multe, tre multe utilus al nia afero, se la instruistoj pasigus siajn libertempojn interŝanĝe ĉe siaj fremdlandaj kolegoj. Mi klarigos mian ideon pli precize: Ekzempe mi dezirus pasigi mian someran libertempon (aŭ ĝian parton) en Danujo. Vi scias, ke instruistoj nenie estas riĉuloj. Ankaŭ mi ne estas riĉulo, sed nur simpla salajrulo. Kiel do aranĝi mian libertempan ekskurson al Danujo? Mi prezentas al mi ĉi tion jene: Iu dana kolego, kiu volas konatiĝi kun mia lando kaj nacio, povas loĝi kaj nutriĝi ĉe mi dum la tuta libertempo (aŭ ĝia parto) *tute senpage*, kondiĉe, ke mi povos fari la samon ĉe li en la venonta jaro. Se la dana kolego loĝos ĉe mi, li tute ne bezonos scii aŭ kompreni la ĉeĥan lingvon kaj tamen li ricevos en mia lando ĉiujn informojn, kiujn li bezonos aŭ deziros ricevi. Kiel tio ĉi okazos? Mi estos lia konstanta kaj ĉiea akompananto kaj la plej volonta kaj servema klariganto en ĉiuj aferoj, kiuj iel povas lin interesi. Se li deziros vidi kaj studi la manieron de vivado de niaj vilaĝanoj, ni faros oftajn vizitojn en diversaj vilaĝoj (se ni mem ne loĝos en iu vilaĝo), se li havos intereson por la vivado en niaj urboj, ni ofte vizitos urbon (se ni ne loĝos en urbo), se li deziros vidi aranĝon de niaj lernejoj, diversaj institutoj edukadaj aŭ aliaj, fabrikoj ktp., ni vizitados diversgradajn lernejojn, institutojn, fabrikojn ktp. — Tiel povos pasigi ĉe mi la dana kolego 2—3 semajnojn aŭ 1—2 monatojn — laŭ sia libera tempo kaj deziro. — Kaj kiom da mono li bezonos por tiu fremdlanda ekskurso? Tiom, kiom estas bezone por veturi al mi kaj poste de mi. Se vizitos min dana kolego el ĉirkaŭaĵo de Kopenhago, li ne bezonos por tiu celo pli multe ol 60—70 kronojn (laŭ tio, ĉu li veturos al mi direkte per ordinara aŭ rapida vagonaro). — Kiu povas tiel malkare vojaĝi kaj pasigi *2 monatojn* en *fremda* lando? Krom fratigitaj kaj ĉiam servopretaj esperantistoj eble neniu! — Tiel mi povos pasigi ĉiun duan jaron (libertempon) en alia lando. — Kiom ni instruistoj povus profiti el tiamaniera vojaĝado por nia scio kaj profesio? Kaj la profito en efektiveco ne estos gajnita sole por ni mem, sed ankaŭ por ĉiuj niaj samlandanoj. Car, se mi loĝos en Danujo 1—2 monatojn, ĉu ne interesos min vidi, krom aferoj lernejaj, ankaŭ labormanieron de tieaj kamparanoj, ĉu mi ne deziros konatiĝi kun la metodo de iliaj laboroj ĉu sur la kampo ĉu en domoj, laktejoj, kokin-edukejoj, bovinejoj kaj aliaj „ejoj“? Mia kolego-akompananto klarigos al mi ĉion necesan

per helpo de siaj samnacianoj, mi faros por mi skribajn notojn pri ĉio, kio ŝajnos al mi notinda kaj poste uzebla. Kiam mi revenos hejmen, mi povos fari multajn instruajn kaj informajn paroladojn por miaj kunloĝantoj aŭ verki artikolojn por la publiko pli vasta. — Kaj ĉu per tia agado mi nenion faros ankaŭ por Esperanto? Mi estas certa, ke tiel mi senarmigos ĉiun dubulon aŭ kontraŭlon de Esperanto ne per vortoj, sed per nerefuteblaj faktoj, ĉar ĉiu povos preskaŭ palpi la utilojn kaj profitojn, kiujn alportas al ni nun jam solvita problemo de helpa lingvo internacia. — Se kelkaj el viaj kolegoj aŭ koleginoj dezirus pasigi sian libertempon jam tiu ĉi jare en mia lando, mi estas preta tuj entrepreni ĉion por plenumi ilian deziron. Mi anoncos en nia instruista centra organo, ke tiuj kolegoj-esperantistoj, kiuj deziras loĝi la proksiman jaron en Danujo (tute senpage!!), sendu al mi siajn adresojn ktp., ktp. — Ĉu vi volas fari simile ankaŭ en viaj gazetoj? . . .

*Th. Čejka.*

Rimarko de la redakcio. Gekolegoj, kiuj volus akcepti dum la ĉefa libertempo la viziton (kiomtagan?) de siaj fremdaj kolegoj aŭ koleginoj (por la reciproka vizito en la venonta jaro), sciigu senprokraste siajn adresojn kaj la tempon de la ĉefa libertempo al la redakcio de I. P. R.

## Internacia Asocio de Instruistoj (I. A. I.).

**Novaj membroj** de la I. A I., kiuj aliĝis de la 10. XI. 1908 ĝis la 20. V. 1909 kaj pagis (escepte: ? Sm) la kotizaĵon 1 Sm por unu jaro (1908—1909): 86. Menšík, Mor., 87. Šmejc, Boh., 88. Lustyk, Boh., 89. Halamasek, Malsupra Aŭstrio, 90. Peterka, Boh., 91. prof. Lisický, Mor., 92. prof. Kolkop, Mor., 93. Moclík, Mor., 94. Coufal, Mor., 95. s-ino Noget, Fr., 96. Frixon, Fr., 97. Roy, Fr., 98. Schmied, Mor., 99. O' Connor, Angl., 100. Whitaker, Angl., 101. Holmes, Angl., 102. Svačina, Boh., 103. Farnik, Boh., 104. Macan, Boh., 105. prof. Fierlinger Mor. (2 Sm), 106. Svoboda, Boh., 107. Fučík, Boh., 108. prof. Wirth, Fr., 109. Heinl, Boh., 110. frl. Jandová, Boh., 111. Šmejkal, Boh., 112. Volák, Boh., 113. Phillimore, Angl., 114. Neužil, Mor.. 115. Elenius, Finnlando (? Sm), 116. Gruza, Pol.-Rus., 117. Boulé, Fr., 118. Lacoudre, Fr., 119. Marcín, Boh., 120. Roselló Ordinas, Malorca-Hispan. 121. Verbanck, Belg., 122. Baudet, Fr., 123. frl. Hubert, Fr., 124. Vyčítal, Boh. (? Sm), 125. Kudrna, Boh., 126. Ábrai, Hung. (? Sm), 127. prof. Michels, Hung. (? Sm), 128. prof. Kleitsch, Hung. (? Sm.), 129. M. Timuŝ, Rumanujo, 130. Butler, Angl., 131. Köhler, Germ., 132. frl. Leguerne, Fr., 133. Albagés, Hisp., (? Sm), 134. Navés, Hisp. (? Sm), 135. Delclós, Hisp. (? Sm), 136. Jou. Hisp. (? Sm), 137. Montúa, Hisp. (? Sm), 138. Lespagnol, Fr., 139. Pátek, Boh., 140. Dvořák, Boh., 141. Vatan, Fr., 142. Macho, Malsupra Aŭstrio, 143. Zlámal, Mor., 144. Brzák, Mor., 145. Košťál, Boh., 146. Koschier, Karintio-Aŭstrio, 147. Pechatý, Boh., 148. Vincent, Fr., 149. Dro Krajewski, Galicio, 150. Hanek, Boh., 151. Risberg, Sved., 152. Široký, Boh. (? Sm), 153. L. Procházka, Mor., 154. frl. Munro, Skotl., 155. Głuchowski, Pol.-Rus.,

156. prof. Lowell, Usono, 157. Scarselli, Italujo, 158. frl. Castel, Fr., 159. Šlejferka, Boh., 160. Houra, Boh., 161. Zadák, Boh., 162. s-ino Kozlova, Rus. (1½ Sm), 163. Šubanjevič, Rus. (1½ Sm), 164. frl. Tesařová, Boh., 165. Henych, Boh., 166. s-ino Jenckel, Germ., 167. prof. Eggleton, Germ., 168. frl. Cather, Malta (1½ Sm), 169. N. Timuŝ, Ruman. (? Sm), 170. Khun, Boh. (1½ Sm), 171. prof. Török, Hung., 172. Riegel, Boh. (1½ Sm), 173. Schulz, Hung. (1½ Sm), 174. Stroele, Svis., 175. K. Müller, Hung, 176. Zoffmann, Dan., 177. Wessel, Nederl., 178. frl. Křepelková. Mor. (1½ Sm), 179. frl. Colleatte, Fr., 180. François, Fr., 181. prof. Queste, Fr., 182. Ponnier, Fr., 183. Marchand, Fr., 184. Mills, Angl., 185. frl. Lodge, Angl., 186. Fenton, Angl., 187. frl. Hoyle, Angl., 188. frl. Metcalfe, Angl., 189. frl. Reiĥenbaĥ, Rus., 190. s-ino Lebouché, Fr., 191. prof. Gérault, Fr., 192. Cox, Angl., 193. frl. Skeen, Angl., 194. frl. Hamand, Usono (½ Sm), 195. Buret, Alĝerio, 196. frl. Faleur, Fr., 197. insp. Bonnehon, Fr., 198. frl. Delerive, Fr., 199. M. Tarańko, Galicio, 200. Moesgaard, Dan. (2 Sm.), 201. Charvát, Boh., 202. Kellenberger, Hung., 203. Dro Lewy, Germ. (2 Sm), 204. Thiel, Germ., 205. Piątek, Galicio, 206. Martinol, Fr, 207. frl. Schröcková, Boh., 208. frl. Parducci, Ital., 209. prof. Piens, Fr., 210. frl. Sombret, Fr., 211. Popov, Bulg., 212. Willumsen, Norveg., 213. Trigo, Hisp., 214. Cruz, Hisp., 215. Bourniche, Fr., 216. prof. Grahl, Sved., 217. frl. Vejtasová, Boh., 218. Pisiewicz, Galicio, 219. s-ino Hornbroock, Usono, 220. Šembera, Mor., 221. Holý, Boh., 222. Polle, Fr., 223. Hurtado, Hisp, 224. frl. Haller, Dan., 225. Bougeois, Fr., 226. Melzer, Germ., 227. Verburg, Nederl., 228. frl, Barat, Fr., 229. Delahaye, Fr., 230. Elling, Dan., 231. Vačkář, Boh., 232. Kiuichi Nohara, Japan., 233. Jacobs, Belg., 234. Beregavskij, Azia Rus., 235. frl. Kunovská. Mor., 236. Laustsen, Dan., 237. Šilha, Mor., 238. frl. Bye, Norveg., 239. frl. Finholdt, Norveg., 240. Přikryl, Mor., 241. Hesselager, Dan., 242. Stránský, Mor., 243. Steckenburg, Nederl., 244. Brančík, Mor., 245. prof. Sarmento, Portug., 246. Traeger, Boh., 247. Vyhnánek, Mor. 248. Randall, Usono, 249. frl. Jones, Angl., 250. frl. Spink, Angl., 251. frl. Geddes, Angl., 252. frl. Fielding, Angl., 253. frl. Bottomley, Angl., 254. frl. Cotton, Angl., 255. Hirst, Angl., 256. frl. Dunnill, Angl., 257. frl. Wood, Angl., 258. frl. Holdsworth, Angl., 259. frl. Robinson, Angl., 260. frl. Mudie, Angl., 261. Whitley, Angl., 262. Hudson, Angl., 263. Pearson, Angl. 264. Shanks, Angl.

**Membroj de I. A. I. laŭ landoj**: Alĝerio 1, Aŭstrio-Hungario 84 (Aŭstrio Malsupra 4, Bohemujo 40, Galicio 5, Karintio 1, Moravio 26), Belgujo 3, Brazilio 1, Britujo 43 (Anglujo 40, Malto 1, Skotlando 2), Danujo 6, Francujo 59, Germanujo 16, Hispanujo 9, Italujo 4, Japanujo 1, Nederlando 4, Norvegujo 4, Portugalujo 1, Rumanujo 3, Rusujo 12 (Finnlando 1, Polujo 4, R. Azia 2, R Eŭropa 5), Serbujo 1, Svedujo 4, Svisujo 1, Tunisio 1, Usono 5.

**Monon sendu al la kasisto** aŭ per poŝta mandato aŭ per 10 poŝtaj „respond-kuponoj", kiuj estas riceveblaj ĉe ĉiuj poŝtoficejoj (ĉiu kupono devas esti stampita per poŝta stampilo, ĉar alie ĝi estas por ni senvalora). Alia maniero de pagado estas malprofita por la kaso de I. A. I.

*Th. Čejka,* kasisto.

# Koresponda Fako de I. A. I.

*Interŝanĝo de poŝtkartoj kun fotografaĵoj de lernantoj kaj instruistoj.*

Ĉar la junuloj korespondantaj en Esperanto ofte deziras posedi portretojn de siaj malproksimaj amikoj, mi proponas al la anoj de I. A. I. la senkvantan aranĝon:

1. I. A. I. entreprenos eldonadon de presitaj poŝtkartoj, kiuj enhavos fotografaĵojn de: lernantoj-esperantistoj kun iliaj profesoroj, lernejaj domoj, klasoj, kabinetoj, gimnastikaj aranĝoj, ludoj, muzikistaroj ktp. sub la komuna titolo: *„Internacia Lerneja Albumo de I. A. I.“*, kies la Nroj 1., 2. kaj 3. jam aperis kaj estas aldonitaj al tiu ĉi numero de I. P. R.

2. Ĉiu ano de I. A. I., deziranta eldoni similan poŝtkarton, devas sendi al la kasisto de I. A. I. 10 Sm kun la originala fotografaĵo kopiota. Li ricevos 1000 ekzemplerojn; sekve, se en la grupo partoprenos 20 personoj, ĉiu pagos nur 50 sd., kaj ricevos 50 poŝtkartojn, t. e. nur po 1 sd ĉiu ekzemplero; tiamaniere li havos treege malkaran poŝtkarton por sia korespondado.

3. La I. A. I. konservos la kliŝaĵojn kaj presigos por sia propra bezono pluajn ekzemplerojn.

4. La redakcio de I. P. R. aldonos senpage al la nomita gazeto po unu ekzemplero de ĉiu eldonita poŝtkarto. La resto estos vendata por la profito de I. A. I.

5. De tempo al tempo la I. A. I. per helpo de la konservitaj kliŝaĵoj eldonos lernejajn albumojn laŭ apartaj landoj, vendotaj por la profito de I. A. I.

6. La mendintoj, dezirantaj ricevi pli ol 1000 ekzemplerojn, pagas por ĉiu plua milo po 5 Sm.

7. Estus dezirinde, ke la originalaj fotografaĵoj estu en granda formato, ekzemple 24 × 30. Ili restos en la oficejo de I. A. I. kaj estos ĉiam elmetataj dum esperantistaj kongresoj en ekspozicioj.

Ĉar la elspezoj por ĉiu partoprenanto en la ĵus nomitaj opaj fotografaĵoj estas tre malgrandaj, kaj ilia signifo por nia propagando sendube grandega, mi petas ĉiujn esperantistojn, kiuj havas junajn lernantojn, aliĝi al mia propono. Anstataŭ aĉetadi kaj dissendadi sensignifajn ilustritajn poŝtkartojn, ili havos tre malkarajn kaj tre utilajn por nia afero propagandilojn, kiuj kostos al ili multe malpli ol la ordinaraj kartoj.

Estus ankaŭ tre utile eldoni poŝtkartojn kun fotografaĵoj de ĉiu esperantista grupo laŭ montritaj de mi principoj, kaj la aranĝon povus preni sur sin la Universala Esperantista Asocio por ĉiuj grupoj, kiel tion faros la Internacia Asocio de Instruistoj por la lernantoj kaj instruistoj.*

*Romano Frenkel.*

* La esperantistaj gazetoj estas petataj transpresi mian artikolon.

# Adresaro por instruistoj.

Klarigo de signoj: **L** = lernejo, **I** = instruas, **NL** = kun kolegoj el nacio aŭ lando . . ., **K** = korespondas pri . . ., **D** = donas sciigon pri . . , **Dez** = speciala deziro. Unu anonco por la membroj de I. A. I. senpage. Nemembroj alsendu 5 respond-kuponojn (por 5 linioj).

1. **Svedujo**. MALMÖ. – *Jul. Hammarlund* (svedo). **L**: Popollernejo. **NL**: Ĉiuj. **K**: Pri kiu ajn fako pedagogia. **D**: Informojn pri Svedujo kaj ĝia popolinstruado. **Dez**: Pasigi libertempon en bela regiono en fremda lando.

2. **Rusujo-Estlando.** REVEL, str. Nikolskaja, 9. – *F-ino Marta Reiĥenbaĥ* (estino). **L**: Elementara lernejo por knabinoj. **NL**: Kun gekolegoj el ĉiuj nacioj, precipe slavoj kaj finnoj. **K**: Pri eksperimenta pedagogio kaj novaj vojoj en pedagogio. **D**: Sciigojn pri stato de lernejoj kaj instruistoj en Estlando.

3. **Germanujo**. HAUBINDA, poŝto STREUFDORF (Sachsen-Meiningen). – *Prof. J. W. Eggleton* (anglo). **L**: Privata lernejo, havanta instruprogramon de publika reallernejo (9 klasoj). **I**: Anglan lingvon. **NL**: Kun gekolegoj, posedantaj ĝisfunde, krom Esperanto, unu el la jenaj lingvoj: franca, germana, angla. **K**: Pri lingvaj demandoj, ekz.: etimologio, gramatiko, fonetiko, literaturo, literatura stilo, tradukarto ktp. (precipe en rilato al Esperanto). **D**: Lecionojn (per korespondado) pri lingvoj angla, franca, germana; tradukojn el tiuj lingvoj Esperanten aŭ male („vice versa"). **Dez**: Helpon por traduki Esperanten plej malfacilajn nacilingvajn idiotismojn en celo verki praktikan esperantan „Frazlibron", laŭ sistemo tute nova.

4. **Aŭstrio-Bohemujo**. BZOVÁ, poŝto ŽEBRÁK. – *Bohaboj Zadák* (ĉeĥo). **L**: Publika lernejo elementara. **NL**: Kun gekolegoj el Galicio, Kroatujo, Svedujo, Francujo, Svisujo. **K**: Pri vojaĝado, lerneja sistemo, etnografio. **D**: Tradukojn el ĉeĥaj gazetoj. **Dez**: Pasigi libertempon apud maro. Ricevi tradukojn el pedagogiaj gazetoj svisaj kaj svedaj. Interŝanĝi ilust. poŝtk.

5. **Francujo.** SENS (Yonne). – *Prof. René Deshays* (franco). **L**: Liceo: duagrada instr. publika. **I**: Literaturon (france, latine, greke) en la tria klaso (14-jaruloj), sekcioj A (kun latina lingvo) kaj B (sen latina lingvo). **NL**: Kun kolegoj germanaj, anglaj, precipe usonaj. **K**: Pri la nuna stato de l'studoj en antikvaj lingvoj, pri la profito aŭ neutileco de tiuj studoj. **D**: Plezure mi akceptos hejme vojaĝantajn gekolegojn. **Dez**: Varbi aliĝojn por la societo „Libera Penso" (jare 1 Sm kun la bulteno).

6. **Portugalujo**. EVORA, R. Jaenne Alves 1, Alemtejo. – *Prof. Luiz Antonio Galvao Moraes Sarmento* (portugalo). **L**: Normala lernejo. **I**: Matematikon kaj natursciencojn. **NL**: Kun hispanoj kaj japanoj. – **K**: Pri aferoj lernejaj. **D**: Helpos al tiu, kiu vizitos mian urbon kaj ne scios lingvon portugalan. **Dez**: Kolektas geografiajn kartojn.

7. **Rumanujo**. ROŜIORJ-ILFOV. – *Miĥaelo Timuŝ* (rumano). **L**: Publika lernejo elementara (5 klasoj). **NL**: Kun gekolegoj

ĉiulandaj. **K**: Pri la vivado kaj movado de instruistaro; pri ĝia agado kaj salajroj. **D**: Utili al tiuj, kiuj deziras verajn informojn pri rumana vivado. Tradukos en rumanan lingvon kion ajn oni deziros. **Dez**: Kolektas vidindaĵojn el tutmondaj landoj, fidelajn kopiaĵojn, fotografaĵojn aŭ artefaritajn pentraĵojn de kostumoj, tipoj, pejzaĝoj ktp.

8. **Finnlando.** SUURSAARI. – *Emil Elenius* (finno). **L**: Popollernejo. **NL**: Kun kolegoj el Turkujo, Grekujo, Italujo, Hispanujo, Portugalujo, Japanujo, Indio. **K**: Pri instruado de religio en lernejo. **D**: Faros tradukojn el finnaj lernolibroj pri tiuj landoj, pri kiuj deziros la demandonto. **Dez**: Interŝanĝi desegnaĵojn faritajn en lernejo de geknaboj 9—13-jaraj.

## Adresaro por gejunuloj.

Ciu el ni scias, ke la korespondado kun fremdaj esperantistoj estas la plej taŭga rimedo por fervorigi novan esperantiston kaj alligi lin firme al Esperanto. Sed ni ankaŭ scias, kiel malagrable efikas je la nova adepto de Esperanto la nericevo de sopirege atendata respondo, la unua respondo de fremdulo! Por eviti ĉiun necertecon, ni aranĝos la aferon jene: Ni publikigos en I. P. R. ne la adresojn de apartaj gejunuloj dezirantaj korespondi, sed la adresojn de iliaj instruistoj aŭ esperantaj instruantoj, kiuj ja plej bone konas ĉiun el siaj lernantoj. Tiu, kiu serĉos korespondanton, skribos la unuan fojon ne rekte al sia korespondonto, kies adreson li ankoraŭ ne scias, sed al lia instruisto, kiu volonte transdonos la peton pri korespondado al unu el siaj lernantoj, kiu povos tuj komenci la regulan korespondadon. Ni esperas, ke tiel ĉiu gejunulo trovos certan respondanton kaj I. P. R. povos publikigi grandegan amason da adresoj kaj tamen ne bezonos dediĉi por tiu celo grandan spacon sur siaj nemultaj paĝoj. – La anoj de I. A. I. estas petataj sendi al ni la adresojn de tiuj personoj, kiuj povas kaj volas esti por gejunuloj „adres-donantoj“, kies tasko estos neniel malfacila, ĉar ili ja tute ne bezonos korespondi kun adres-petantoj. – La enskribo de la adresoj por ĉiu membro de I. A. I. estas senpaga. Nemembroj alsendu 5 respond-kuponojn.

*

**Aŭstrio-Moravio:** Deziras korespondi 10–14-jaraj gelernantoj de elementaraj lernejoj kaj 120 lernantoj de gimnazio kaj reala lernejo (12–17-jaruloj). Skribi al Th. Ĉejka, Bystřice-Hostýn, Moravio. – 50 lernantoj (11–17-jaraj) de ĉeĥa reala lernejo. Skribi al prof. J. Minks, Kroměříž, Moravio. — **Francujo**: 27 lernantoj 12–13-jaraj dez. koresp. per il. poŝtk. Skribi al F. Durieux, dir. de lernejo „Montesquieu“, Lille (Nord). — **Rusujo Azia** (Siberio): 18 lernantoj de gimnazio (12–17-jaruloj). Skribi al R. Frenkel, inspektoro de gimnazio, Enisejsk, Siberio.

Redaktoro kaj eldonanto Theodor Čejka, Bystřice-Hostýn. — Presejo »Družstvo knihtiskárny«, Hranice, Moravio.

programon, por la ĝenerala kunveno de I. A. I. en Barcelono, sendu ilin baldaŭ al la redakcio de I. P. R.

Ni scias, ke preskaŭ ĉiuj el niaj legantoj atendis tiun ĉi kajeron pli frue . . . Certe multaj eĉ timis, ke nia afero eble jam rompiĝis pro iu danĝera rifo. La plej timemaj ankaŭ skribis al ni pri tio kaj demandis nin pri la kaŭzo de tiel longa silentado. Ni ne povis respondi al ĉiu aparte kaj tial ni devis prokrasti nian respondon ĝis nun. Karaj geamikoj, estu tute trankvilaj, kiel ankaŭ ni estas. Certe ĉiu el vi volonte konfesos, ke la membra kotizaĵo de I. A. I. estas tro malgranda por doni al niaj membroj tuj en la komenco, kiam niaj fortoj estas ankoraŭ negrandaj, organon elirantan ĉiumonate . . . Kelke da kolegoj, konfesinte tion, tuj pagis de si mem pli multe ol estis ilia devo . . . Ni ne volu tuj en la komenco esti tro kuraĝaj kaj eliradi pli ofte ol permesas niaj financaj fortoj. Ni *ne devas* fari ŝuldojn (kiu el ni dezirus ilin poste pagi?), ĉar farante nepageblajn ŝuldojn, ni tre malutilus al nia grava entrepreno. Kio ŝajnas al vi pli prudenta: eldonadi gazeton tuj en la komenco tre ofte kaj en ampleksaj volumoj — ĉu vi scias, kiom kostas la afranko de ĉiu nova kajero, sendata fremdlanden? — aŭ eldonadi ĝin komence ne tiel ofte, sed en volumetoj pli dikaj, kun la enhavo pli riĉa? Kiu agado impresas pli bone tiun, kiu observas nin serioze? Ĉu ni ne atingos pli certe nian celon, se nia organo elirados en la 1-a jaro nur kvarfoje (sed ni ne fiksu la daton, ni sole diru — kvarfoje!), dum la 2-a jaro dumonate kaj nur en la 3-a aŭ 4-a jaro ĉiumonate? Ĉu estas malbona la devizo: »Komence modeste, sed poste ĉiam pli kaj pli kuraĝe«? Se ni deziras labori serioze kaj efektive atingi nian altan celon, ĉu nia laborado ne devas esti reala kaj ne fantazia aŭ utopia? Nia I. A. I. kreskas malrapide, sed kreskas kaj kreskas ĉiutage kaj ĉu tio ĉi ne estas por ni la plej bona kaj la plej kuraĝiga signo? La kaso de I. A. I. ne estas ankoraŭ plenega, sed ĝi tamen enhavas jam tiom da mono, ke ĝi plene sufiĉos por kovri niajn elspezojn dum la unua jaro. Tial ni **ĉiuj laboru** kaj esperu!

**Gazetoj pri I. A. I. kaj I. P. R.** Favorajn artikolojn pri la I. A. I. kaj I. P. R. alportis jenaj gazetoj (esper. gazetojn ni ne citas aparte, ĉar ili preskaŭ ĉiuj raportis pri nia afero): El Clamor del Magisterio, Nro 49 (s-o José Albagés, Hispan., Katal.), Journal des Instituteurs, Nro 41 (s-o Ch. Rossignol, P. Cnudde, Belgujo), Gazeta Kujawska, Nro 152 (s-o B. Głuchowski, Pol. Rusujo), Bulletin de l'Association des anciens élèves de l'Ecole Normale de la Seine (s-o Aufroy, Francujo), Land en Volk, Nro 301 (s-o J. L. Bruijn, Nederlando), L'Émancipation de l'Instituteur, Nro 14 (s-o G. Tétaud, Francujo), Bulletin mensuel de l'Association Amicale des Instituteurs et Institutrices de l'Aisne, Nro 147 (s-o J. Bourniche, Francujo), Svensk Läraretidning, Nro 1412 (s-o Jul. Hammarlund, Svedujo), Montrose Standard and Angus and Mearns Register (s-o J. D. Simpson, Skotlando), Het Schoolblad, Nro 8 (s-o M. J. Wessel, Nederlando), Přehled Revuí, Nro 1, V (J. Krumpholc, Boh.-Moravio), Bulletin mensuel de l'Association Amicale des Ardennes, Nro 36 (s-o P. Benoit, Francujo), Folkeskolen, Nroj 11, 12 (s-o N. Moesgaard, Danujo), Köbstadskolen, Nroj 22, 1 (s-oj P. Zoffman, N. Moesgaard, Danujo). — Ni citas sole tiujn gazetojn, kiujn ni ricevis. — Karaj kolegoj, daŭrigu

tiel ankaŭ estonte kaj kuraĝigu ankaŭ aliajn kolegojn skribi pri la I. A. I. kaj I. P. R. kaj traduki el ĝi por naciaj gazetoj. Tio ĉi estas senpaga kaj bonega reklamo, ĉar ĝi estas efika kaj konvinka!

---

**Grava avizo.** Kiu ankoraŭ ne sendis al ni la plenigitan demandaron (vidu la 4-an paĝon de la kovrilo en la 1-a kajero!) por la »Adresaro de instruistoj kaj profesoroj«, plenigu ĝin afable kaj sendu senprokraste al la redakcio de I. P. R. Tiu adresaro havos por ni specialan signifon!

# Bibliografio.

**August Strindberg**: Fraŭlino Julie (Naturalista tragedio). El sveda lingvo trad. P. Nylén kaj S. E. Krikorz. 75 öre. K. W. Appelbergs Bocktryckeri i Distribution, Uppsala, Svedujo. — **August Strindberg**: Pario (Unu akto). Trad. Birjer Ström. 25 öre. La sama eldonisto. — **H. K. Bouška**: Slovakoj kaj Magiaroj (Kelkaj vortoj pri slovaka suferado en Hungario). Sm 0·21. V. Riegel, Praha 1687-II, Bohemujo. — **J. Arbes**: Rakontoj. El ĉeĥa lingvo trad. J. Grňa. Fr. 1·60. Ferd. Boháček, libristo, Jevíčko, Moravio. — **Santiago Rusiñol**: La Patrino (Dramo en 4 aktoj). El hispana lingvo trad. Alfonso Sabadell. Prezo? Feliu & Susanna, Barcelona, Ronda San Pedro, Nro 36. — **R. Deshays**: Popola Frazlibro en 30 lecionoj (Gramatike kaj sence laŭgradaj). Fr. 0·60. Librairie de l'Esperanto, Paris, 15, rue Montmartre. — **Wladyslaw Reymont**: En fumejo de l'opio (Novelo). El pola lingvo trad. Dro Kazimierz Bein (Kabe). Sd. 20. »Pola Esperantisto«, Warszawa, Marszalkowska 143, Rusujo. — **E. Stark** kaj **Fr. Rockmann**: Internacia Legolibro I-a parto. Mk 1·20. Fr. Rockmann, Magdeburg, Buckauerstr. 14, Germanujo. — **Adolf Mach**: Nebe a země. Astronomie pro každého, zvláště pro stud. všelikých škol. K 3·60. Höfer a Klouček, Praha. — Prof. **A. Dombrowski**: Malgrandaj pensoj pri grandaj demandoj (Artikolaro kaj leteraro). Prezo? A. Dombrowski, red. de »Draugia«, Kovno, Rusujo. — **Esperantista Poŝkalendaro** 1909. Mk 0·80. Esper. Verlag Möller & Borel, Berlin S. W., Lindenstr. 18/19, Germanujo (Enhavas, bedaŭrinde, tre multajn erarojn, ne *pres*erarojn, en la adresaro!!). — **J. Borel**: Legolibreto. Sm 0·10 kaj **F. Skeel-Giörling**: Fabeloj de Andersen. Sm 0·10. Esper. Verlag Möller & Borel. — **Esperanto** und seine Feinde. Einige Worte zur Abwehr. Mk 0·20. Esperanto-Gesellschaft, Berlin, Bernburgerstr. 18, Germ. — **Alberto Gómez-Cruz** (jr): Rudimentos de Esperanto. Prezo? Okcidenta esperantista societo, Guadalajara, Jal., Meksiko. — **C. A. Laisant**: La Parlamentisma Iluzio. Fr. 0·15. Internacia Asocio »Paco Libereco«, Paris, 49, rue de Bretagne. — **Bernard Long**: Is Esperanto worth learning? Sh 0·1. Miggie & Coy., Publishers, Rothesay, Skotlando. — **T. E. K. A.-Jarlibro 1909**, I-a vol., eldonita de la »Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio«. Sm 0·4. H. F. Adolf Thalwitzer, Kötzschenbroda-Dresden, Germ. — **Biblioteko Infana**: Nro 1. Ruĝa ĉapeto. Sm 0·10. Nro 2. Kato en botoj. Sm 0·10. Eldonas »Societo Esperantista Kaŭkaza«, Tiflis, Rusujo. — **F. A. Šídlo**: Vzorce a tabulky na měření ploch i těles a na sestavování úloh. 1 K. F. Šídlo, Bystřice-Hostýn, Moravio.

